KONGRESA NUMERO

# THE BRITISH ESPERANTIST

With which is incorporated
INTERNATIONAL LANGUAGE

Vol. XXXI., No. 401
SEPTEMBER 1938
Price 2d

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

## LA 30A KONGRESO

Ilustrita Raporto

## MARGARETE SAXL

Nekrologo kaj Portreto

## POSTKONGRESA LIBERTEMPO KAJ LITERATURAJ PRELEGOJ EN HODDESDON

---

THE 30th Universal Congress of Esperantists held in London during August has once again demonstrated the practical utility of Esperanto and has attracted unprecedented publicity in the British and foreign press.

This publicity gives scope for a great forward movement of Esperanto in this country and the British Esperanto Association will see that, so far as its resources will allow, no opportunity will be lost. Its activities, however, are limited to the extent of support received by Esperantists and sympathisers. If you believe in Esperanto—

**JOIN THE B.E.A. AND HELP US TO MAKE THE MOST OF OUR OPPORTUNITIES.**

APPLICATION FORM.

To the Secretary, The British Esperanto Association (Inc.),
142 High Holborn, London, W.C.1.

Subscription: 5/- per annum. (Persons jointing after 1st July may pay 2/6 to end of current year or 7/6 to end of following year—those under 18 may join as Junior Members at half-rates).

I,........................................................................................................

*hereby apply for membership of THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.) and enclose the first Subscription of*.................... *I agree to be bound by the Memorandum and Articles of Association (a copy of which is sent to all candidates for Membership).*

*Signature* ..............................................................................................

*Nationality*.................................... *Rank, Profession or Occupation*..........................................

*Address* ..............................................................................................

*Date*................................................ *Age (if under* 18)..........................................

Printed by Sumfield & Day, Ltd., Station Street, Eastbourne, for the Publishers, The British Esperanto Association, Inc., 142, High Holborn, London, W.C.1.

# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXI, No. 401 SEPTEMBER, 1938

## LA REDAKCIO KOMENTAS

BRILA sukceso ! Jen la ĝenerala verdikto pri nia XXXa Universala Kongreso. Ĝi ne nur provizis semajnon plenan de intereso kaj ĝuindaĵo por la partoprenantoj, sed ĝi sukcesis grandskale altiri la atenton de la brita publiko al nia movado. Antaŭ, dum, kaj post la kongreso aperis centoj da artikoloj kaj bildoj en la gazetaro de Londono kaj la provincoj, kaj la pritrakto estis preskaŭ ekskluzive favora al nia ideo.

**La XXXa**

Tia vasta propagando nepre alportos frukton al nia enlanda movado, kaj ni dankas niajn centojn da eksterlandaj samideanoj, kiuj per sia ĉeesto kaj vigla partopreno donis tiom da valora helpo al nia laboro.

* * *

Sed nun ni devas eklabori por rikolti tiun frukton, jam nun, kiam ĝi estas matura. Por tio ni bezonas la helpon kaj subtenon de ĉiu brita samideano, kaj kun granda bedaŭro ni konstatas, ke la granda plimulto el ili ne estas organizita en nia landa asocio.

**Helpu Nin**

Kun plua milo da membroj B.E.A. povos efike labori por plene profiti la nove vekitan publikan interesiĝon. Aliflanke, se ĝi devos daŭre lami, kun nesufiĉaj monrimedoj, ĝi eble devos maltrafi multajn riĉajn okazojn por plua disvastigo de nia lingvo. Britaj Esperantistoj ! La organizita Esperanto-movado ebligis tiun grandiozan manifestacion, kiu alportis al vi grandan inspiron, kaj donis al vi pli grandan fieron por prezenti vin al la nevenkita mondo kiel Esperantistoj. Ĉu vi ne estas pretaj fari malgrandan oferon por tiu organizita movado ? Multaj el vi ŝparis vian monon dum multaj monatoj por partopreni la kongreson. Pripensu, ĉu vi ne estas pretaj daŭrigi tiun ŝparadon dum kelkaj semajnoj ankoraŭ por pagi kotizon al via landa asocio, sen kies ekzisto, ne nur la kongreso mem, sed ankaŭ la tuta propagandado por Esperanto en Britujo, ne estus ebla.

Aliĝilo troviĝas en la lasta kovrilpaĝo de ĉi tiu gazeto. Unueco estas forto !

* * *

Nigran ombron aperigis sur la cetere serena ĉielo de tiu neforgesebla kongreso la morto de nia kara pedagogino Margarete Saxl. Nekrologo aperas en alia paĝo de la nuna numero, sed ni volas ĉi tie esprimi nian sinceran kondolencon al la — laŭvorte — miloj da gesamideanoj en multaj landoj, por kiuj ŝia forpaso estas kiel perdo de familiano.

**Adiaŭ**

Ĉiu, kiu ekkonis ŝin, aŭ vidis ŝin laboranta, nepre devis admiri la fervoron kaj la lertecon, per kiuj ŝi laboregis, sen konsidero pri la propra sano, por Esperantistigi milojn da homoj. En nia lando ni konas ŝin kiel unu el la plej valoraj helpintoj por la sukceso de la XXXa Kongreso. Ĉi tie, kaj en Germanujo, Francujo, Nederlando, kaj Danujo, ŝi estis la amata idolo de siaj gekursanoj.

La portreto, kiun ni aperigas kun nia nekrologo, montras ŝin gaje ridanta. Tia ni konis ŝin ; tia ŝi restu ĉiam en nia memoro. Adiaŭ, kara Greto ! Aliaj daŭrigos vian laboron, sed kiu tiel bone kiel vi, kiu mortis laborante ?

* * *

Post la nuna numero nia gazeto ĉesos esti kongresa organo. Ni tamen esperas, ke ĝi trovis multajn novajn amikojn inter la kongresanoj, britaj kaj eksterlandaj, kiuj volos daŭre ricevi ĝin ĉiumonate. Se jes, ni kore bonvenigos ilin kiel abonantojn. Ĝis revido !

# LA 30A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Londono, 30 Julio—6 Aŭgusto

DE E. W. AMOS

*La Redakcio ŝuldas apartan dankon al s-ro Amos, kiu verkis ĉi tiun raporton dum "libertempo," kiam li certe bezonis ripozon post sia intensa laborado kiel Kongresa Helpsekretario.*

*La fotojn en paĝoj* 354,355 kaj 358 *faris s-ro J. M. Baxter (Glasgow).*

VENDREDON la 29an de julio jam komencis alveni kelkaj kongresanoj, inter ili f-ino Margarete Saxl, kiu speciale revenis el Danlando, kaj kies subita morto ĵaŭdon matene—kiel oni jam legis alipaĝe—estis ĵetonta ombreton de malfeliĉo sur la lastajn tri tagojn de la Kongreso. En la kongresejo tiuj ĉi frualvenintoj vidis nur viglan preparadon—kaj tuj perdis sin en la labirintaj koridoroj de University College. La postan tagon ĉie vidiĝis taŭgaj indikiloj, kiuj certigis—aŭ devis certigi—ke neniu perdu valoran tempon serĉante Ĉambron F aŭ Ĉambron K en la malĝusta loko. La kongresejo efektive estis aparte oportuna—ĉion ĝi enhavis, kion la kongresanoj povis deziri—taŭgajn ĉambrojn por ĉiaj kunsidoj, komfortajn ripozo - ĉambrojn, grandan bufedon, poŝtoficejon, bankon, k.t.p.

Ekster la konstruaĵo mem la kongresanoj trovis tre plaĉe sidi kaj babili sur la herbaĵo de la ampleksa antaŭkorto. Precipe tio estis agrabla pro la varmego. Do la vetero estis bona ? Jes, eĉ perfekta ! Ĉiam la suno briladis, kaj plej ofte blovis freŝa venteto por mildigi iomete la varmegon.

### Komenco kaj Interkoniĝo

Kiam malfermiĝis la kongresejo sabaton matene, ĉio estis jam preskaŭ tute preta.



G. D. BUCHANAN (Prezidanto de B.E.A.) kaj TEO JUNG (Ĉefredaktoro de "Heroldo")

La 30-metrojn longa librobudo de B.E.A. bezonis kelkajn kompletigojn, la bela budo pri la Berna Kongreso estis preta, la Akceptejo, la Informejo, la Banko, la Poŝtoficejo, ĉiuj komencis funkcii sabaton matene, kaj la kongresanoj, kiuj jam tondradis tra la konstruaĵo, tuj lernis uzi la plurajn servojn por ili aranĝitajn.

La unua oficiala ero en la kongresa programo estis la Interkoniĝa Vespero (tre kuraĝe la komitato decidis, ke ne necesas la kutima *-at-*) en grandega Hotelo *Great Central*. Tie, en senceremonia atmosfero, oni manĝis, trinkis, klaĉis kun malnovaj konatoj, babilis kun novaj amikoj. Salutis la ĉeestantojn la urbestro de *St. Pancras* (distrikto, kie troviĝas la kongresejo). Tiu bonvola sinjoro montris sinceran interesiĝon pri nia lingvo, kaj plurfoje dum la kongreso li parolis al la kongresanoj, ĉiam per entuziasmigaj vortoj.

### Inaŭguro

Dimanĉon okazis je la 9a Meso en Katolika preĝejo St. Anselm, kaj je la 10a la Solena Inaŭguro de la kongreso en la grandioza filmteatro *Dominion*. Jam je la 9.30 amasoj da kongresanoj komencis invadi la teatron, kaj antaŭ la 10a ĝi estis preskaŭ plena. Granda nombro da nekongresanaj gesamideanoj rajtas ĉeesti la malfermon, kaj do proksimume 2,000 personoj ĉeestis. Tie ĉi eble estas oportune mencii, ke ĉiam dum la tuta kongreso estis rimarkinda la *akurateco* de la kunvenoj. Gratulojn kaj dankojn al la kongresanoj, kiuj tiel bone helpis la aranĝintojn tiurilate.

Iomete post la 10a la kurteno leviĝis kaj prezentis kvardekon da eminentaj reprezentantoj de nia movado. Ĉeestis ankaŭ la urbestro de St. Pancras, s-ro John Sperni, la Svisa Ministro en Londono, s-ro Paravicini, kaj Konsilanto de la Brazila Ambasadorejo, s-ro Caio de Mello Franco.

Parolis unue Generalo Bastien, prezidanto de IEL, kiu post bonvenigo al la kongresanoj kaj salutoj al la kongresurbo, proponis kiel prezidanton de la kongreso s-ron Fred Wadham, ĉefredaktoro de THE BRITISH ESPERANTIST. Kiel vicprezidantojn li proponis s-rojn Thilander, Buchanan kaj Archdeacon. Aklame la ĉeestantoj akceptis tiujn proponojn.

Tiam prenis la parolon s-ro Wadham, kiu unue sciigis siajn aŭskultantojn, ke la Estraro de IEL difinis al lia parolado dekminutan templimon. Por doni bonan ekzemplon al postaj parolontoj li severe respektos tiun limon (*aplaŭdo*).

Salutinte la ĉeestantojn, li dediĉis siajn vortojn al la forestantoj: al tiuj, kiuj ne povis ĉeesti pro diversaj malfacilaj ĉirkonstancoj.

"Antaŭ ne multaj tagoj," daŭrigis s-ro Wadham, "en iu Londona gazeto aperis artikolo pri D-ro Zamenhof, kaj la verkinto skribis, interalie—'Li ja kreis lingvon, lingvon, kiu ankoraŭ hodiaŭ vivas. Sed ĝia spirito velkis. Ĉu nun, en ĉi tiuj mallumaj horoj, kiam milito kaj murmuroj pri milito pelas malfortajn mensojn al detruado, kaj fortajn homojn al malespero, ĝi releviĝos ĝis la alteco, kiun konceptis ĝia aŭtoro?'

"Jen," aldonis prezidanto Wadham, "defio por ni. Dum la kongreso ni pruvu per vorto kaj ago, ke la spirito Zamenhofa ankoraŭ forte ardas en ni kaj inter ni, kaj ke, kiel ĉe la unua kongreso antaŭ 33 jaroj, 'kunvenis ne Francoj kun Angloj, ne Rusoj kun Poloj, sed homoj kun homoj'."

Li ĝojas havi la honoron prezidi kongreson, kiu staras komplete sub la devizo *Unueco estas Forto*. Rimarkinde estas, ke la tagordo de la Labor-kunsidoj unuafoje en multaj jaroj ne enhavas la "Organizan Demandon."

"Komenciĝas la Trideka Universala Kongreso de Esperanto;"—finis s-ro Wadham—"sukceso kronu ĝian laboron!"

Nun parolis la urbestro de St. Pancras, kiu en lerta maniero montris sinceran kaj pleanan kunsenton kun nia movado. Li promesis ĉiam fari sian eblon progresigi Esperanton en Londono, kaj precipe en sia parto de la urbego.

Poste parolis la Svisa Ministro, kiu unue petis pardonon pro tio, ke li parolas al la kongresanoj per *fremda* lingvo (tio estas, angle!) En ĉarma maniero s-ro Paravacini salutis la kongreson en la nomo de la Svisa Federala Registaro kaj la urbo Berno, kaj poste oficiale invitis la



PITORESKAJ KOSTUMOJ DE MARGARETA JOHNSON (Svedujo) KAJ JOHANO GERYK (Ĉeĥoslovakujo)

Esperantistaron al Berno por la 31a Kongreso en 1939.

Sekvis s-ro Caio de Mello Franco, kiu franclingve salutis en la nomo de la Brazila Registaro. "Brazilo," diris s-ro de Mello Franco, meze de granda aplaŭdo, "nepre daŭrigos sian konatan subtenon al la Esperanto-movado."

Nun parolis, ĉiam nur en Esperanto, oficialaj delegitoj de la jenaj registaroj: Belgujo, Francujo, Hispanujo, Litovujo, Nederlando, Norvegujo. Aparte rimarkinda estis la grandega aplaŭdo, kiun ricevis la reprezentanto de la Hispana Respubliko.

Poste salutis la kongreson reprezentantoj de preskaŭ ĉiu Esperantista Landa Asocio de la mondo, de Nansen-Helpo por Senŝtatuloj, de la Lingva Komitato kaj de Brita Laborista Esperanto-Asocio. Plue, parolis kongresanoj venintaj el Aŭstralio, Bulgarujo, Irlando, Kanado kaj Rumanujo.

Rezolucion de danko al ĉiuj parolintoj fine proponis s-ro A. C. Oliver, estrarano de IEL.

La tre interesa kunveno finiĝis per komuna kantado de *La Espero*, akompanata per la teatra orgeno. Al multaj ĉeestantoj, precipe tiuj, kiuj ĉeestis sian unuan univers-



Copyright]

alan kongreson, tio certe estis unu el la plej imponaj momentoj en la vivo.

Amuze estas, ke dum la tute kunveno kongreskomitatano Gething kuŝe sidadis sur la planko por flustre fari anglan tradukon al pluraj ĵurnalistoj, kun la rezulto, ke la postan tagon multaj gravaj ĵurnaloj bone raportis pri la inaŭguro. Efektive oni povas esti nur kontenta pri la bonega akcepto, kiun faris al la kongreso la brita gazetaro. Antaŭ kaj dum la semajno konstante aperis raportoj kaj artikoloj en ĉiuj ĵurnaloj, dekstraj kaj maldekstraj. Multaj dediĉis al la kongreso redakciajn artikolojn, en kiuj senescepte aperis laŭdo kaj fervora aprobo pri nia lingvo.

Tuj post la inaŭguro la plej multaj kongresanoj transiris la straton kaj eniris iun el la tre belaj ĉambregoj de la restoracio *Lyons' Oxford Corner House*. Tie komune tagmanĝis proksimume mil gesamideanoj. La menuoj estis en Esperanto, kaj tiurilate estas menciinde, ke ĉe ĉiu alia kongresa manĝo la tarifo aŭ menuo aperis en Esperanto—en la kongreseja bufedo (kie, estas vere, duono de la aĵoj sur la tarifo-karto estis ial nehavebla ; evidente oni ne volis tro dorloti la kongresanojn !) ; en la Balĉambrego, dum la Interkoniĝa vespero, kaj eĉ, kiel oni jam antaŭe sciis, en multaj Londonaj restoracioj de la firmo *Lyons*.

### Diservo

Post la komuna tagmanĝo, do, verŝajne la plej multaj kongresanoj iris al granda preĝejo *City Temple* por ĉeesti posttagmeze la oficialan Diservon.

Predikis pastro W. J. Downes, kaj kvankam lia parolado daŭris duonhoron, neniu sentis tion pro la intereso de la enhavo kaj la trafa kaj klara elparolo de la predikanto.

Plenkore kaj inspire oni kantis kvar himnojn el *Himnaro Esperanta* kaj lekciojn el la Biblio legis f-ino Saxl kaj pastro Roff. Du solojn el Elija belvoĉe kantis s-ro Leonard Ward.

La vespero estis libera, kaj en la bela vetero la plej multaj kongresanoj uzis la okazon iomete esplori la urbegon. Kelkaj partoprenis la aŭtoĉarajn rondveturojn, kiujn aranĝis la kongresa komitato en la unuaj tagoj de la kongreso, kaj kelkaj uzis la tre utilajn servojn de la multaj samideanoj-taksiistoj, kiuj dum la tuta semajno kondukis kongresanojn kvarope tra la urbego, kontraŭ tute modera prezo.

### Laboro

Lundon jam je la 9-a matene vigla moviĝo komencis montri sin en la kongresejo, kaj je la 10a proksimume okcent kongresanoj iris en la Grandan Salonon por ĉeesti la unuan Laborkunsidon. Tuj evidentiĝis, ke en tiu ĉi ĉambrego (cetere, tre bela, moderna salono) oni ne bone aŭdas. La ĉambrego ne enhavis mikrofonan aparaton, verŝajne pro ies forgesemo, sed tion oni instalis merkredon. Eĉ tiam, tamen, la aŭdkapablo ne estis bona, kaj tiu bedaŭrinda fakto nur denove montras, ke en niaj kongresoj oni ne povas tro zorgi pri tiaj gravaj detaloj.

En tiu unua laborkunsido, post salutoj ne ricevitaj ĉe la Inaŭguro—interalie de la registaroj de Ĉeĥoslovakujo kaj Katalunujo



[*Panora Ltd.*

—oni priparolis ĉefe la aferojn de IEL kaj prezentiĝis raportoj, kiuj montris bonan progreson de la Ligo. Evidentiĝis, tamen, ke ankoraŭ la subteno de la Esperantistaro estas urĝe bezonata por ebligi daŭrigon de la laboro. Tuj poste, ĉiu iris en la antaŭkorton por certigi sian aperon en la oficiala fotografaĵo. Tre lerte, praktike, kaj kun minimuma atendigo la fotografistaj ĉion aranĝis—kaj fotografi 1,500 homojn ne estas facile! La rezulto estas unu el la plej bonaj kongresaj fotografaĵoj, kiujn oni vidis dum multaj jaroj.

Posttagmeze okazis pluraj fakkunsidoj, la inaŭguro de la 15a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, kaj du lumbildprelegoj. La lastaj, "Popolo kiu Translokiĝas (Nova Litovujo) kaj "Berno, la Urbo de la 31a Kongreso" okazis sub malfacilaj cirkonstancoj. Bedaŭrinde, estis neeble mallumigi la Grandan Salonon, kaj kompreneble la brila sunlumo apenaŭ helpis al perfekta prezento de la lumbildoj!

**Filmprezentado**

Vespere en la sama salono okazis filmprezentado, kaj pere de speciala ekrano oni jam iom plibonigis la situacion. Efektive, tiu ĉi filma vespero kaj la teatraĵo en la teatro *Scala* okazis lundon kaj mardon. Duono de la kongresanoj ĉeestis la teatron lunde kaj la filmprezentadon marde, kaj duono inverse. En ĉi tiu raporto ni rigardos lunde la filmojn kaj marde la teatraĵon.

La unua filmo portis titolon "La Tuta Anglujo," kaj ĝi temis, kompreneble, pri la belaĵoj de la angla kamparo. Tiun filmon sekvis du violon-soloj, kiujn lertege ludis juna samideano Johano Geryk, el Ĉeĥoslovakujo. Liaj kolorplena nacia kostumo kaj majstra muzikado ravis ĉiun ĉeestanton. Piane akompanis lin s-ro A. C. Oliver. Poste parolis f-ino Saxl pri la ĵus okazintaj kursoj en Helsingör, Danlando, kaj ŝian paroladon ilustris poste interesa kaj aktuala filmo. Tiam sekvis elmontro de la magia arto de Londona samideano Vilĉjo Verda. Bone konata en la Londona movado pro sia lerteco, Vilĉjo Verda montris, ke li scias ankaŭ plene mistifiki internacian rigardantaron. Tiuj homoj, kiuj kapablas eligi dudek kolorajn poŝtukojn el malplena mano, ĉiam gajnas nian admiron, kaj certe Vilĉjo meritis la grandan aplaŭdon, kiun li kaj lia ĉarma helpantino ricevis. La vespero finiĝis per ankoraŭ unu violon-solo de Johano Geryk kaj tre interesa filmo pri la Berna Superlando, kiun prezentis per enkondukaj vortoj s-ro Otto Walder, sekretario de la LKK por la Berna kongreso.

Tiun saman vesperon la blindaj gesamideanoj (la kongreson ĉeestis pli ol cent blinduloj) kaj iliaj amikoj ĝuis propran koncerton en la kongresejo.

Menciinde estas, ke lundon vespere la plej granda vesperĵurnalo de Londono THE EVENING NEWS en diversaj partoj de la urbego montris reklamafiŝojn kun la jena Esperantlingva devizo:

**ESTAS
DIABLE
VARME!**

Sur sia unua paĝo la ĵurnalo uzis tiun frazeton kiel trafan priskribon de la tiutaga



ESPERANTISTOJ-TAKSIISTOJ KONTRIBUIS AL LA SUKCESO DE LA KONGRESO

vetero, kaj, menciante la Kongreson, ĝi miris, ke malgraŭ la varmega vetero la unua Laborkunsido altiris centojn da kongresanoj.

### Parolado de Edmond Privat

Mardon je la 10a okazis kunveno, kiu ankaŭ logis la plej multajn kongresanojn. Temas pri la kunveno aranĝita de la Kvakera Esperantista Societo sub titolo "Esperanto kaj Mondfrateco."

Prezidis s-ro M. C. Butler, kiu per kelkaj vortoj skizis la vidpunkton de la Societo de Amikoj (Kvakeroj). Tiam parolis s-ro C. Roden Buxton, pri la neceso pensi internacie kaj tutmonde. La malfeliĉo de alilandanoj, li diris, estas nia afero ĝuste tiom, kiom tiu de homoj en nia propra lando.

El Svisujo speciale estis veninta al Londono D-ro Edmond Privat, kaj per unuhora parolado li elokvente kaj kun ĉiam la plena atento de siaj aŭskultantoj, pentris la idealistan sintenon al nunaj mondproblemoj. Por atingi internacian komprenon, asertis D-ro Privat, oni devus sekvi la instruojn de la fruaj Kvakeroj, kiuj fortike staris kontraŭ siaj malamikoj, sed tamen ne uzis perforton. Lia interesiĝo pri tiaj aferoj instigis lin viziti Hindujon por studi la agadon de Mahatma Gandhi. Estas mirinde, kiel tiu unu homo povis influi milojn da homoj. Gandhi ne parolis kontraŭ la Britoj, ĉar ilin li amis. Li tamen volis vidi la sendependecon de sia lando, kaj per rimedoj nur pasivaj li jam grandaparte sukcesis en tio, kaj nun pli kaj pli agas en akordo kun la brita aŭtoritato.

Tre gravaj, laŭ D-ro Privat, estis la paroloj de Zamenhof en lia Letero al la Diplomatoj, eldonita dum la milito. Se oni nun atentus ĝin, oni trovus en ĝi ĝuste la solvon, kiun en diversaj landoj oni vane serĉas.

Sekvis periodo de silento por pripensi la vortojn de la parolintoj, kaj poste la sekretario de la Kvakera Esperantista Societo, s-ro T. Harrod, esprimis dankon al ili. Multaj kongresanoj poste diris, ke tiu kunveno estis por ili kvazaŭ la kulmino de la kongreso, kaj certe la centoj da ĉeestantoj ne facile forgesos la pensigajn vortojn de s-ro Buxton kaj D-ro Privat.

Posttagmeze okazis diversaj fakaj kunsidoj, pli-malpli bone ĉeestataj. Unu, almenaŭ, estis tro bone ĉeestata (kunsido de Kooperativanoj) kaj kiam la ĉambro por 50 personoj plenpleniĝis, ĝis fervoraj partoprenontoj amasiĝis eĉ ekster la pordo, oni urĝe sendis helpovokon al la kongresa sekretario, kiu feliĉe povis doni kiel pli taŭgan kunvenejon la Grandan Salonon!

### "Eliza Restas"

Vespere, tiuj, kiuj ne vidis lunde la teatraĵon, iris amase al la apuda teatro *Scala*, kaj preskaŭ plenigis la teatron. En ĉi tiu aranĝo, kiel en ĉiuj aliaj, regis plena ordo pro la klopodoj de la multaj helpantoj, kiuj diversmaniere subtenis kaj faciligis la laboron de la komitato.

Akurate la kurteno leviĝis, kaj dum du horoj la kongresanoj ĝuis 3-aktan komedion *Eliza Restas*. Multon oni povus skribi pri tiu vespero—sed sufiĉas diri, ke bonege ludis la geaktoroj de la drama lernejo "Neilson-Terry Guild of Dramatic Art." La kongresanoj plene konsciis pri la preskaŭ nekredebla fakto, ke nian lingvon la geaktoroj lernis speciale por la Kongreso en nur kvar monatoj! Ĉiu, kiu kunhelpis en tiu mirinda sukceso—kaj precipe nia karmemora Margarete Saxl, kiu tiel rapide, sed tiel komplete instruis la geaktorojn, meritas nian senrezervan admiron. Kompreneble, la kongresanoj mem ne ŝparis sian admiron kaj aplaŭdis, aplaŭdegis. Poste la geaktoroj diris, ke estis rave ludi antaŭ tiel estimema ĉeestantaro.

Mardon, do, kiam finiĝis la ludado, kongresa prezidanto Wadham taŭge dankis la geaktorojn, kaj prezentis al la ĉeestantaro f-inon Louise Regnis, estrinon de la aktoraro kaj reĝisorinon de la teatraĵo, kaj ankaŭ f-inon Saxl, kaj s-inon Nicholson ŝian

helpantinon dum la instruado.* Sekvis disdono de bukedoj kaj donacoj.

Efektive tiu estis la lasta publika apero de f-ino Saxl, kaj tiun vesperon, kiam ŝi staris sur la teatra scenejo, oni ne povis ne rimarki, kiel juna ŝi aspektis, kun tiu ĉiam gaja mieno, tiu feliĉa rido, kiu ĉarmis ĉiun.

## Ekskursoj

Merkredo estis la tago de la ekskursoj, kaj jam frumatene je la 7.30 komencis kolektiĝi ekster la kongresejo partoprenontoj en la tuttaga ekskurso al Stratford-on-Avon, naskiĝloko de Shakespeare. Pli ol 200 kongresanoj partoprenis tiun ekskurson, kaj verŝajne ĉio iris en bona ordo. Estas vere, ke unu konata Parizano perdiĝis en Stratford-on-Avon, kaj la aŭtoĉaroj ne povis atendi lin ;—sed ĉu ni ne antaŭe renkontis tiajn Shakespeare-amantojn ?

En la ekskurso al Hastings partoprenis cent personoj en tri komfortaj aŭtoĉaroj. La sola plendo, kiun oni aŭdis, estis, ke la ekskurso ne permesis sufiĉe da tempo por restado ĉe la bela marbordo en Hastings kaj Eastbourne. Prava plendo, sed ho ve ! Ĉion oni ja ne povas fari dum 10-hora rondveturo.

Posttagmeze okazis ekskurso al Hampton Court kaj Windsor, kaj la cent partoprenantoj trovis multe da intereso en la tieaj reĝaj palacoj.

Ankaŭ proksimume cent kongresanoj iris al kampara bestoparko Whipsnade, kaj survoje ili povis konstati, ke eĉ en ordema Anglujo foje okazas fiaskoj ! La veturigistoj mistrafis la vojon kaj sekve oni alvenis malfrue, tiel ke estis necese iom rapide traesplori la parkon. Kiel rekompencon, tamen, oni havis kiel gvidanton la eminentan estron de la parko, Kapitanon Beal, kiu kondukis la "karavanon" kaj klarigis detalojn pri la diversaj bestoj, kies nomojn, cetere, li grandparte jam antaŭe diligente lernis en Esperanto.

Vespere okazis nenia oficiala kongresa aranĝo, sed menciinda estas la Amikeca Vespero, kiun aranĝis la Londona Laborista Esperanto-Klubo (filio de S.A.T.). La sola malfacilaĵo estis, ke multe tro da kongresanoj volis ĉeesti kaj plenplenigis la ne malgrandan salonon. Certe niaj laboristaj kolegoj rajtas esti kontentaj pri sia sukceso, sed estonte ili estu pli optimismaj kaj luu ĉambregon, kiu entenos ĉiujn kongresanojn !

* Similan ceremonion faris Komitatano Gething post la lunda prezento.



Copyright] [Photopress
GENERALO BASTIEN PAROLAS AL AŬSTRALIO. STARANTOJ ESTAS E. D. DURRANT KAJ A. C. OLIVER
(vidu paĝon 365)

## Funebro

Jaŭdon matene je la 10a la Granda Salono estis jam preskaŭ plena por la dua Laborkunsido. Tondretis la bruo de kongresana babilado. Senpacience oni atendis la komencon de la kunveno. Subite de ie aperis petolema kato, kiu saltis sur la prezidantan pupitron kaj rigardis konfuzite kaj scivole la ĉeestantaron. Ĉiu ridegis, babilis des pli laŭte, kaj subite ĉesis, aplaŭdis. Jen aperis prezidanto Bastien.

"Gesamideanoj," li komencis, "kun granda doloro mi devas anonci . . ."

Terura silento. Kion li diros ? Kion li diros ? Ĉu okazis io en Ĉeĥoslovakujo . . . ? Ĉu . . . ?

". . . ke ĵus mortis en sia hotelo f-ino Margarete Saxl."

Ĉiuj ĝemis. Ekagoniis sescent koroj. Iuj virinoj kriis ; iuj ploris.

Demandoj ekvenis. Ĉu vere f-ino Saxl ? Nekredeble. Ne povas esti. Nur hieraŭ . . .

Daŭrigis Generalo Bastien por anonci, ke la Laborkunsido estas prokrastata unu horon. Oni eliris el tiu homplena salonego en la sunlumon, kaj ankoraŭ en ĉies menso estis la vorto—nekredeble.

Je la 11a la dua Laborkunsido komenciĝis. Generalo Bastien parolis pri la vivo kaj laboro de f-ino Saxl, kaj invitis la ĉeestantojn honori ŝian memoron per silenta starado. En malfacilaj cirkonstancoj s-ro Malmgren devis prelegi pri la nova propaganda projekto. Cetere nun oni komencis demandi al si, kio okazos pri la Balo tiun vesperon. Eble tiun feston oni nuligos ? Sed tiurilate venis nenia oficiala dekreto. Do la Balo okazos laŭaranĝe—ĉu ne f-ino Saxl mem nepre volus tion ?

## La Kongreso Dancas

Posttagmeze pluraj fakaj kunsidoj, kaj proksimume 60 kooperativaj kongresanoj ĝuis gastigadon ĉe la Londona Kooperativa Societo. Tute senpage ili tagmanĝis kaj poste faris rondveturon por viziti diversajn fabrikojn k.t.p. kiuj apartenas al la Londona kooperativa movado.

Antaŭ la 8a vespere ĉiu direktis siajn paŝojn al la ĉefstacidomo *Kings Cross*. Tie oni povis supozi, ke amaso da bomboj tiutage falegis sur la straton, ĝis oni konstatis, ke nur okazas la konstruado de nova subtera stacio. Penetrinte dekojn da obstakloj la kongresanoj vidis en la stacio grandajn presitajn afiŝojn—"Specialaj Vagonaroj al la Balo foriros de perono . . ." kaj eĉ la bilet-kontrolisto diris "dekstren !"

Alveninte post kvaronhora veturo en stacio Wood Green oni trovis la Balsalonon tute proksime.

Tute taŭga estis la salono ; tre longa, tre larĝa, kun ampleksa balkono, kiu ĉirkaŭas la tutan ejon—kaj, gravaj aferoj, kun bona dancplanko, kaj bona orkestro. Lerte estris la feston s-ro W. A. Gething.

Denove ĉeestis la nun bone konata urbestro de St. Pancras ; kaj ĉi tiun fojon, ankaŭ la urbestro de Wood Green, Alderman Blue, ambaŭ kun siaj familianoj. La du moŝtaj sinjoroj afable salutis la ĉeestantojn kaj esprimis sincerajn bondezirojn al nia movado.

Je la 2a matene finiĝis la Balo (malfruega horo en Anglujo !) kaj per specialaj vagonaroj oni reiris al Kings Cross, lacaj, sed tre, tre feliĉaj.

Pro la antaŭa nokto, oni povus supozi, ke vendredon matene la kongresejo estos relative trankvila. Sed ne ; jam je la 9a vigla amaso komencis kunpusiĝi, kaj je la 10a granda nombro ĉeestis la trian, kaj lastan, Laborkunsidon por aŭskulti raportojn pri kunlaboro inter IEL kaj la Landaj kaj Fakaj Asocioj kaj ankaŭ pri tiu ĉiam aktuala temo : Esperanto en la Lernejon.

Posttagmeze okazis kvar fakaj kunsidoj, el kiuj precipe tiu de la Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj estis tre bone ĉeestata. Ankaŭ oni povis konstati grandan interesiĝon pri la kontraŭ-alkohola kunveno.

## Infana Koncerto

Vespere per aŭtobusoj kaj subtera fervojo oni migris al Westminster por ĉeesti la "Varian Vesperon" en granda koncertejo *Central Hall*. Poste pluraj kongresanoj asertis, ke tiu festo estis absolute la plej ĝuinda en la tuta kongreso. Jam antaŭe oni sciis per la programo, ke la Varia Vespero konsistos el speco de koncerto prezentota de la Nacia Hejmaro kaj Orfejo por Infanoj. Infana koncerto, oni pensis, nu eble ĝi estos interesa. Ni ekrigardu, almenaŭ.

Verŝajne ĉiuj kongresanoj ĉeestis la koncerton, la grandega halo estis ja sufiĉe homplena.

Kiel unu eron knaba orkestro ludis konatan uverturon. Tondra aplaŭdo. Tiuj ĉi infanoj efektive scias muziki ! Poste venis fluteto-solo, de knabo apenaŭ 12-jara. Tiam oni ĝuis sceneton kun titolo "Kandela Lumo." Sekvis ksilofona dueto kaj poste Esperantlingva solkanto de juna anino de la Hejmaro. Mirinde bone ! Ĉiu ero ricevis fervoran aklamon. En ĉies menso estis certe la penso : se ĉi tiuj lertuloj estus plenkreskaj, ili nepre elvokus nian admiron. Sed efektive ili estas *nur infanoj* . . . ! Flustris konata alilandano : "Skandale ! Tiuj knaboj ludas pli bone ol la Reĝa Gvardio en mia lando."

Sekvis aliaj eroj ; ĉiu mirinde lerta, ĉiu kun grandega aplaŭdo kiel rekompenco por la meritplenaj infanoj. La koncerto finiĝis per bela spektaklo, kiu ilustris la spiriton de Esperanto. Duope venis sur la estradon granda nombro da infanoj ; ĉiu duopo kun flagoj, kiuj entute reprezentis la tridek naciojn de la kongresanaro. Fine, en la mezo, antaŭ grandega verda stelo, staris Esperanto mem — blankvestita junulino. Kaj tiam la tuta infanaro bele kantis *La Esperon*—la lastan strofon komune kantis ankaŭ la kongresanoj.

Impona momento, kiu tre taŭge, tre kortuŝe, kvazaŭ kulminis la kongreson. Des pli impona ĝi estis, kiam oni konstatis, ke la versojn de *La Espero* kaj aliajn versojn en nia lingvo, al la infanoj ame instruis f-ino Saxl, kiu ne ĝisvivis la belan rezulton de sia laboro.

Vendredon vespere, kiam la kongresanoj kun esprimoj de miro pri la infanoj, forlasis la koncertejon, ili komencis rimarki, ke la ĝuoplena semajno nun preskaŭ finiĝis. Restis nur la iomete malgaja atmosfero de la Ferma Kunsido, la malfeliĉaj adiaŭoj, kaj la almenaŭ esperiga saluto "Ĝis Berno !"

## La Fermo

Venis sabato, plu oni ne povis eviti ĝin. Plenplena estis la Granda Salono je la 10a. La kunvenon malfermis kongresa

prezidanto Wadham kaj tuj sekvis sekretario Goldsmith kun anoncoj.

Nun oni aŭdis raportojn kaj rezoluciojn de la diversaj fakkunsidoj, kiuj okazis dum la semajno—nome : Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj, Kooperativa Ligo, Kristana Esperanto-Ligo Internacia, Denaska Esperantistaro, Lingva Komitato, Aviadismo, Bahai, kaj Senalkohola Kulturo. Plue pro ilia multrilata helpo oni dankis la kongresanojn kaj kongresajn komitatanojn en la nomo de la 15a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj.

Pri la tuja sukceso de la nova propaganda projekto "Varb-garantiantoj" raportis s-ro Malmgren, kiu diris, ke li jam dum la kongreso ricevis grandan nombron da aliĝoj. (Laŭ ĉi tiu projekto oni promesas varbi en la kuranta jaro *unu* Esperantiston, kiun oni persone "flegos", ĝis li aŭ ŝi estos vera samideano. Specialaj formuloj por la "garantio" estas haveblaj de grupoj kaj Landaj Asocioj).

Pri la Berna kongreso mallonge parolis sekretario Otto Walder, kaj tiam Generalo Bastien esprimis dankojn al ĉiuj, kiuj kunhelpis al la bonega sukceso de la kongreso. Precipe li dankis la prezidantinon de la kongresa komitato, f-inon R. Davey, kaj la sekretarion kaj ties geoficistojn. Al f-ino Davey oni prezentis bukedon, kiu tiel ravis ŝin, ke tuj ŝi ekkisis la surprizitajn s-rojn Goldsmith kaj Wadham. Tio tre plaĉis al la kongresanoj, kiuj vere aplaŭdegis !

Nun parolis la urbestro de St. Pancras, kiu en amuza kaj trafa maniero denove esprimis sian plenan kontenton pri la kongreso, kaj la fakton, ke certe li estonte subtenos la laboron de la Londonaj gesamideanoj.

S-ro Malmgren tiam dankis Generalon Bastien pro lia lerta kaj pacienca gvidado de la Laborkunsidoj kaj aliaj IEL—kunvenoj. "Kiel patro li gvidas nian movadon," diris s-ro Malmgren, "kaj ni gratulu nin, ke ni havas tian bonan prezidanton. Ni esperas, ke dum multaj jaroj li estos nia prezidanto kaj patre kondukos nian familion."

Per kelkaj vortoj Generalo Bastien asertis, ke por li estis plezuro labori kun la aliaj helpantoj, kaj ke vere ili meritas la laŭdon de s-ro Malmgren.

"Ĝis Berno !" tiam kriis kongresprezidanto Wadham. "Ĝis Berno" silente eĥis ĉiu ĉeestanto. Oni stariĝis, kantis vigle—sed certe iomete malgaje—*La Esperon,* kaj tiel finiĝis la glora 30a Kongreso.

# LA POSTKONGRESA LIBERTEMPO

## en Hoddesdon

DE J. ALOFS, BRUSELO.

POST semajno, certe ĉiam interesplena, sed memkompreneble iom laciga—ĉu pro partopreno en la laboroj de la tiel bone organizita kongreso mem, ĉu pro multspecaj vizitoj aŭ ekskursoj en la grandega urbo Londono—aro da kongresanoj veturis aŭtoĉare al Hoddesdon en Hertfordshire.

High Leigh estas, por kvindeko da diverslandaj gesamideanoj, neforgesebla nomo de postkongresa libertempejo. Kaj estas multaj kialoj por tiu neforgesebleco.

Temas unue pri rava loko, vera kastelo, riĉe aranĝita meze de ampleksa parko kun multspecaj arboj, kun florbedoj, terasoj, ludgrundoj por ĉiaj sportemuloj.

Temas ankaŭ pri la plej amika kunesto de diverslingvaj personoj, kiuj, kvankam ili venis ne nur el diversaj regionoj de Anglujo, sed ankaŭ el Belgujo, Francujo, Nederlando, Rumanujo, Svedujo, kaj eĉ el Kanado, Usono kaj Aŭstralio, dank' al sia kara komuna helplingvo, faris el High Leigh malgrandan sed realan Esperantujon, meze de kiu flirtis verda flageto, kaj en kiu, plie, la ĉarmaj Esperantistoj formis agrablan plimulton.

En tiaj feliĉaj loko kaj rondo oni povis ĝui ne nur kvietan ripozadon aŭ legadon, ludadon, kaj promenadojn, sed ankaŭ instruadon sur la Esperanto-kampo, dank' al la prelegoj de s-ro Pragano, kiu en lerta, agrabla, sprita maniero ĉiutage kontaktigis aŭskultantaron kun nia jam tiel diversa kaj riĉa Esperanta literaturo, kaj tiamaniere sukcesis kunigi en Hoddesdon la utilon kaj la agrablon.

Aliparte la sindonemaj gesinjoroj Holmes, kvazaŭ gvidantoj de granda familio el libertempuloj, plene sukcesis aranĝi, ĉu vagadojn en la bela apuda ĉirkaŭaĵo, ĉu interesplenajn ekskursojn al Rickmansworth kaj al Cambridge, ĉu amuzajn vesperkunestojn, dum kiuj la anglaj kaj la eksterlandaj gesamideanoj klopodis amuzi kaj interesi la ceterajn per kantoj, muziko, ludoj, kaj eĉ iluziaĵoj. Tiurilate mi speciale citu lumbildan prelegon de gesinjoroj Hanks pri longa vojaĝo, kiun ili faris en sia hejmlando, la antipoda Aŭstralio.

Se mi aldonas, ke vere estus peko forgesi tie ĉi la komforton de la gastejo, kaj la variecon kaj la bongustecon de la manĝaĵoj, oni certe komprenos, ke la libertempo en Hoddesdon ne nur postlasos ĉe la partoprenintoj la plej agrablan impreson, sed ankaŭ kreis aŭ plifirmigis internacian amikecon kaj la Zamenhofan spiriton.

Feliĉa aldonaĵo al la multaj rememorindaĵoj estas la Hoddesdona gefianĉiĝo de nederlanda f-ino Smit kaj angla (ĉu ne kimra ?—RED.) s-ro Gregor, kiuj konatiĝis dum la Varsovia Kongreso kaj decidis unuigi siajn vivojn sub la signo de la verda stelo.

Vere, la organiza komitato de nia XXXa Universala Kongreso havis bonan inspiron, organizante tian postkongresan libertempon, kaj kreis realan, imitindan ekzemplon por postaj kongresoj.

---

Pro la granda sukceso de ĉi tiu libertempo oni projektas organizon de simila aranĝo en la venonta somero, eble en junio. Legantoj, kiuj interesiĝas, sendu poŝtkarton al nia Redakcio.

### TRA SKOTLANDO

Pri la egale sukcesinta postkongresa rondvojaĝo en Skotlando ni esperas presigi raporton en nia venonta numero.

---

## BLINDULA KONGRESO

Pro manko de spaco en la nuna numero, raporto pri la 15a Kongreso de Blindaj Esperantistoj, okazinta en la kadro de la XXXa Universala, aperos en oktobro.

Intertempe ni eksciis kun bedaŭro, ke la Blindula Kaso havas deficiton de proksimume £35. Legantoj, kiuj deziras helpi, skribu al s-ro W. P. Merrick, Penso, Shepperton, Anglujo.

---

**Manchester and District Esperanto Union** sincere dankas ĉiun, kiu helpis ĉe la kolektado por ebligi al blindaj studentoj ĉeesti la kongreson. Oni sukcesis sendi sep blindulojn el Manchester. Liston de premiitoj sendos laŭ peto s-ro L. H. Addie, 23 Deyne Ave., Manchester 14.

### MEMORAĴOJ PRI LA KONGRESO

*So this is London* (Jen, do, Londono) estas la titolo de bela libro konsistanta el 70 fotogravuraj bildoj pri Londono, kiun ricevis ĉiu kongresano de la XXXa. Pluaj ekzempleroj estas haveblaj de la Centra Oficejo de IEL. (Prezo, inkl. afr., 1ŝ. 2p.) Restas ankaŭ provizo de la Kongreslibro (vidu recenzon en p. 367) po 4p. afrankite, kaj de la Kongresa Insigno (nur por kongresanoj) po 8p.

# MARGARETE SAXL

De HENRY W. HOLMES

*Prezidanto de la Londona Esperanto-Klubo, Komitatano de la XXXa Universala Kongreso*

KIAM, ĵaŭdon la 4an de aŭgusto, Generalo Bastien anoncis en la laborkunsido de la Universala Kongreso, ke f-ino Margarete Saxl estas mortinta subite, antaŭ du horoj, la koro de la Esperanta popolo momente ĉesis bati. Tiam ekfluis larmoj, aŭdiĝis plorkrioj, dum aliaj kongresanoj sidis palvizaĝe, tute mutigitaj de la terura frapo. Ŝiaj intimuloj ja sciis, ke ŝi estis korpe lacega kaj timis, ke ŝi eble estos devigata detiri sin de la Kongreso, sed preskaŭ neniu konsciis, ke morto minacis ŝin. Merkredon ŝi laboris por prepari siajn prelegojn por la kursoj en Helsingör, Danlando. Poste ŝi estis fotografita de presagento por ilustri artikolojn pri ŝiaj kursoj en Londono dum la venonta vintro. Tiuj fotoj ekiris al la ĵurnaloj la sekvantan matenon por artikoloj pri ŝia morto.



*Foto : J. M. Baxter*

Tiel pasis for de ni unu el la plej brilaj, plej amataj laborantoj por Esperanto. Per siaj lastaj vortoj, momenton antaŭ ol ŝi mortis, ŝi diris, ke ŝi sentas grandan ĝojon kaj feliĉecon pensante, ke ŝi havos tiom da laboro por Esperanto en Londono.

Tiel finiĝis tiu glora kariero en Esperantujo, kiu komenciĝis en 1932, kiam ŝi enkondukis Esperanton en la gravan komercan lernejon en Berlino, de kies lingva fako ŝi estis la estrino. Ĉar ĝi estis ŝtata lernejo, la germana registaro insistis, ke ŝi akiru ŝtatan diplomon pri kapableco en Esperanto. Ĉi tiu ankoraŭ ne ekzistis kaj oni devis starigi specialan ekzamenon, ĉe kiu ŝi estis la unua sukcesinto. Ŝ :fariĝis disĉiplo de Andreo Cseh kaj en oktobro 1932 iris al Danujo por gvidi sian unuan Cseh-metodan kurson. Sekvis kursoj en Frislando kaj aliaj provincoj de Nederlando, Francujo, Anglujo, Svedujo, kaj lastatempe ŝi estis invitita de la Organiza Komitato de la XXXa Universala Kongreso fari preparajn kursojn por la geaktoroj, gekelneroj, butikistoj, poŝtistoj, k.c.

Inter ŝiaj multaj trafaj sukcesoj en diversaj landoj estas tiu, ke de 1933 ŝi gvidis ĉiujare en Danlando kursojn por instruistoj. Plue pro sia nuna sukceso en Londono ŝi ĵus ricevis de la aŭtoritatoj ĵdenan rajton instrui Esperanton en kelkaj kulturinstitutoj en Londono. Ŝi estas la unua alilandano ricevinta tiun ŝtate pagatan oficon en la ĉefurbo.

Kuŝas antaŭ mi la bela libro donita al ŝi en aprilo 1933 post ŝia unua kurso en Frislando. En ĝi ŝiaj plej intimaj kunlaborantoj kaj amikoj esprimas siajn dankon kaj estimon. La unua skribinto, s-ro Hendriks el ŝia amata Leeuwarden, diras ; "Kiel energie, fruktodone vi laboris ĉe ni kaj kiel harmonia kaj konkorda estas nia kunlaborado en la intereso de Esperanto. Neniam mi kaj la aliaj Frisoj forgesos vian sindonemon, vian bonkorecon kaj vian amikecon, kaj niaj rememoroj pri via restado ĉe ni ĉiam restos freŝaj kaj agrablegaj. Kara Greta, espereble ĝis baldaŭa, tre baldaŭa revido." Samsence skribis prezidantoj, sekretarioj, kursaranĝantoj, "aparatoj" kaj ĉiu alia, kiu havis la feliĉan sperton konatiĝi kun ŝi, kien ajn ŝi vojaĝis. Mi citas sube el simila skribaĵo mia pri ŝia ĵusfinita laboro en Londono. Verkota estis nur unu strofo, pri la ĝojo pro la ebleco kunagadi en la tuja estonteco.

Amata de miloj da samideanoj ŝi tamen havis grandan malĝojon dum siaj lastaj jaroj, kiu multe afliktis ŝian koron jam tro ŝarĝitan pro laborego por nia afero. Tamen estis mirinde, kiel ŝi kaŝis siajn dolorojn.

